


REDAKCIO:
PRAHA II. DITTRICHOVA UL. 7. BOHEMUJO.
ED. KÜHNL.

3. VII. BOHEMA REVUO ESPERANTISTA. 1913.

Cena: 30 hal.

Joto číslo jest zasíláno pouze předplatitelům.

# ČASOPIS ČESKÝCH ESPERANTISTŮ
# BOHEMA REVUO ESPERANTISTA

**Kun literatura aldono**

## LEGOLIBRO DE BOHEMAJ ESPERANTISTOJ

**Oficiala organo de bohemaj Esperantistoj kaj de**
**CENTRA ASOCIO**
**BOHEMA UNIO ESPERANTISTA (B. U. E.)**
**(OFICEJO: PRAHA II., VODIČKOVA ULICE 38.)**

Vychází 10krát ročně (kromě prázdnin).
Redakce vyhražuje si právo upraviti články pro tisk a vrací netištěné rukopisy, byla-li přiložena známka; práce původní mají přednost.
Předplatné v Rakousku 3 K, pro cizinu Fr. 3·75 — 1½ Sm.
Účet pošt. spoř. 93.281.
(Prosíme o adresy přátel Esperanta, kterým bychom mohli zaslati s úspěchem ukázkové číslo.)

Aperas dekfoje en jaro (krom libertempo.)
La redakcio rezervas al si la rajton aranĝi la artikolojn por preso kaj resendas manuskriptojn nepresitajn, se poŝtmarko estis almetita; artikoloj originalaj estas preferataj.
Abono en Aŭstrio 3 K, por la fremdlando Fr. 3·75 — 1½ Sm.
Konto ĉe la Ĉekbanko Esperantista en London. (Filio Dresden-Bankejo Arnhold.)

**UPOZORNĚNÍ!**

Vzhledem k zvýšení ceny tisku nemůžeme poskytovati nikomu „Časopis" za cenu sníženou. Pouze ten, kdo získá pět **nových** předplatitelů, obdrží jeden výtisk zdarma.

Doporučujeme všem přátelům dobré esperantské četby, aby obohatili svou knihovnu dosud vyšlými šesti ročníky „Časopisu Českých Esperantistů", které lze dostati za cenu sníženou: Roč. I., II., III., IV., V., po K 2·20 (pro členy B. U. E. po K 1·70), roč. VI. za K 2·50 (K 2·20). **Příloh bez časopisu nelze obdržeti.**

---

# DEKJARA JUBILEO DE ESPERANTO EN BOHEMUJO.

(*Fino.*)

Por doni al la plej vasta publiko okazon informiĝi pri Esperanto, la klubo aranĝadis kursojn en fakaj societoj, kiuj montris intereson pri Esperanto kaj fine en la jaro 1905 ĝi malfermis la unuan publikan kurson en la urba lernejo de s. Triunuo. Ne estas sen intereso aludi hodiaŭ la neklarigeblan fakton, ke tiu ĉi lernejo al ni dum du jaroj disponigata, la trian jaron subite estis por ni fermita, laŭdire pro danĝero de infektaj malsanoj, sed en efektiveco pro tio, ke post iom da tempo pli malfrue ĝi estu disponigita al kelke da niaj eksmembroj, protektataj de unu sendube de Vi konata oficisto ĉe la magistrato, por ke tie okazu — aliaj kursoj esperantaj. Post tiu ĉi tempo niaj kursoj havis lokon en la bohema politeknika lernejo kaj en la lastaj jaroj en nia propra ĉambro en Vodičkova ulice.

La programo fiksita de la fondintoj: vastigadi krom propagando de Esperanto ankaŭ laŭjustan informadon de fremdlando pri nia nacio kaj labori en konsento kun la reprezentantoj de niaj naciaj korporacioj, estis sekvata per ĉiuj fortoj kaj la sukceso atingita montras, ke la laboro elspezita ne estis vana.

Ne aludante ĉi tie la flankon propagandan, kiu nun estas kronita per tiu kontentiga fakto, ke en Praha ne estas hodiaŭ sendube homo, kiu ne konus Esperanton, mi citu la valorajn servojn faritajn al la komitato de la bohema sekcio de la aŭstria ekspozicio en Londono en j. 1906, por kiuj nia klubo estis rekompencita per honora atesto. Similaj servoj estis faritaj por la V. Sokola festo kaj por la Jubilea ekspozicio de la Komerca Ĉambro en Praha, kiu estis vizitita are de la dresdenaj kongresanoj. La 400 gastoj akompanataj de la membroj de nia klubo ofte rememoras en siaj leteroj la afablecon, kun kiu nia klubo ilin akceptis.

La Bohema Nacia Konsilantaro donas al la klubo rajton delegi por la eksterlanda fako unu delegiton, en kiu funkcio dejoras post s-o inĝ. Hofmann nia estimata prezidanto s-o Dr. V. Rosický.

En aŭtuno de la jaro 1907 okazis la unuiĝo de la tiame ekzistintaj kluboj per la fondiĝo de la Centra Asocio Bohema Unio Esperantista, kiu trovis ankaŭ en nia klubo sian iniciatinton. Du jarojn poste solenis la Esperantistaro bohema sian disvolviĝon per la bone memorata I. Kongreso en Praha, kiu pruvis al la mondo la altan nivelon de la esperanta afero ĉe ni kaj kiu fariĝis samtempe revuo de niaj sukcesoj. Simila manifestacio ripetiĝis en la jaroj 1910 kaj 1911.

Mi aludas ĉi tiujn memorindajn faktojn en la historio de nia klubo, ĉar inter la laborintoj por la kongresaj aranĝoj ĉiam estis trovataj niaj membroj unualoke. Sur tiu ĉi loko mi devas ankaŭ rememori unu el amikoj de nia afero, kiu bedaŭrinde nur antaŭ nelonga tempo nin por eterne forlasis, sed kies nomon kaj simpatian karakteron Vi ĉiuj bone konis. Mi rememorigas Vin pri nia estimata favorinto sinjoro František Davídek, posedinto de la unua esperanta kafejo en Praha — Union. Lia intereso pri Esperanto ne limiĝis sole je studado de la lingvo, sed li donis je la dispono de la klubo en la unuaj tempoj kaj de Unio pli malfrue specialan ĉambron, kiu favoro certe de neniu el Vi estas forgesota. Restu inter ni la plej bona memoro pri tiu ĉi nia unua meceno Esperantisto.

Firman teron por sia laboro trovis la klubo, kiam ĝi ekloĝis en la ĉambro de Unio en Vodičkova ulice. Ĝis tiu tempo la klubo loĝis en la kafejoj Tůmovka, Union kaj en restoracio „u Donátů".

La komitato zorgis ĉiam, ke la membroj havu okazon por perfektiĝi en Esperanto per legado kaj per konversacio, per vojoj instrua kaj amuza. Tiucele oni aranĝis kelke da amikaj festoj multnombre vizititaj.

En nomo de la klubo permesu al mi esprimi nian elkoran dankon al nia ŝatata prezidanto sinjoro konsilanto Dr. V. Rosický por lia altvalora laboro, per kiu li subtenadis la entreprenojn de la klubo.

Se oni sukcesis plenumadi dum dek jaroj la taskojn fiksitajn, tio okazis sole danke la kunlaboron de ĉiuj anoj de la komitato kaj de la membraro.

Danke ĉi tiun harmonion efektiviĝu ankaŭ en estonteco la esperoj de nia plej malnova esperantista centro en Bohemujo."

Post la parolado esprimis bondeziron de Wien'aj samideanoj s-o Dr. Paul Weiss, kiun ni salutis en la kunveno kiel gaston.

La kunvenintoj longe restis sidantaj en amika rondo, ĝuinte la okazon por paroli Esperanton, rememoriĝante pri laboroj faritaj kaj konstruante planojn por la sukcesa daŭrigo de sia propagando.

Pasis dek jaroj -- tempo mallonga por historio, sed tamen tiom grava por nia movado! Dum tiuj jaroj disvastiĝis Esperanto inter Bohemoj tiugrade, ke neniu potenco plu estas sufiĉe forta por elradikigi tiun arbon, kiun nia klubo enplantis en la teron, kiun ĝi flegis kaj kies sana vivo trovas admirantojn en la tuta mondo. Nia malgranda nacio estas konata — danke Esperanton — ĉiam pli kaj pli multe; centoj da fremduloj venintaj en nian patrujon, miloj da leteroj informantaj la mondo pri nia ekzistado disponigas al ni okazon por konatiĝi la alilingvanojn kun nia celado. Tial ankaŭ ni devas konsideri la propagandon de Esperanto nia devo!

# EL HISTORIO DE LA HORLOĜO.

*(Laŭ la bohema verko „Dějiny hodinářství" de Č. Viedemann.)*

La plej primitiva tempomezurilo de homo pratempa estis la suno kaj la alternado de lumo kaj mallumo, kaŭzata de ĝia eterna, seninterrompa, ŝajna ĉirkaŭirado: tago kaj nokto.

Kiam la homo ekkonis, ke la ombro post iu arbo aŭ iu alia objekto ŝanĝas sian longecon laŭ la supren- aŭ malsupreniro de suno, li venis al la ideo, mezuri la longecon de ombro kaj tiamaniere dividi la tempon laŭ gradoj inter la minimumo kaj maksimumo de ĝia longeco.

Per plua observado estis trovite, ke la ombro ŝanĝas ne sole sian longecon, sed ankaŭ sian direkton. La ombro de stango (greke: gnomon = montrilo) vertikale fiksita sur horizontala ebenaĵo direktiĝas ĉe suneliro okcidenten, ĉe sunsubiro orienten, kaj tagmeze ĝi troviĝas meze inter ambaŭ direktoj. Tio estis la principo de tagmeza linio aŭ meridiano kaj samtempe la unua paŝo al efektiva sunhorloĝo.

Koncerne la dividon de la tago je 12 egalaj partoj aŭ horoj, ne estas konate, kiam ĝi okazis, eĉ ne estas eble diri, kiu nacio ĝin enkondukis.

Sed estas certa, ke jam Egiptanoj, tiu glora nacio de epoko antikva, kies altan klerecon pruvas la artismaj verkoj ĝis hodiaŭ konservitaj, uzadis la gnomonon.

Sur multe da lokoj ili konstruis tiel nomatajn obeliskojn; ĝi estas alta, mallarĝa, kvarangula kolono, el unu ŝtonpeco skulptita kaj per hieroglifoj ornamita. Multaj el ili ornamas nun la placojn de mondaj ĉefurboj, estinte el Egipto transportitaj. La plej alta el ĉiuj estas la obelisko alveturigita en Romon, kiu dum imperiestro Konstantino en la IV. jarcento p. Kr. estis starigita en „Circus maximus" kaj kiu en militaj tumultoj estis faligita kaj rompita je tri pecoj, ĝis fine en la j. 1588 dum papo Sixtus V. de arĥitekturisto Fontana riparita kaj en Laterano restarigita. Ĝi estas alta $45^1/_2$ m. Multaj scienculoj opinias, ke tio estas gnomonoj de la estintaj sunhorloĝoj.

Sed kiel oni venis al la ideo, dividi la tagon je 12 horoj, ne estas konate, kvankam Hermes Trismegistus rakontas ridindan fablon pri ia sankteca besto de Egiptanoj, nome „Kynokefalos" (= hundkapulo), kiu laŭdire en regulaj intertempoj 12-foje dum la tago kriegis, kio estis motivo por 12-parta tagdivido.

Ankaŭ ne estas konate, kiu nacio eltrovis la unua la sunhorloĝon. Jam en la j. 640 antaŭ Kristo la Ĥaldeo Berosus konstruis neordinaran specon de sunhorloĝo. Kelke da tiaj horloĝoj estis en la pasinta jarcento elfositaj el antikvaj ruinoj apud Romo.

La unua el ili, trovita en la j. 1741 en ruinoj de domo, siatempe aparteninta al la roma oratoro Cicero, konsistis el rektangula ŝtonpeco 42 cm longa, kies antaŭa flanko estis iom antaŭenklinita je angulo, respondanta la geografian larĝon (latitudon) de la loko, por kiu ĝi estis konstruita. En la mezo de la supra antaŭa rando estis globforma kavaĵo. Super la kavaĵo estis fiksita metala montrilo, kies pinto, ĵetante ombron sur la liniojn delikate skulptitajn en la kavaĵo, montris la ĝustan tempon.

La sunhorloĝoj estis poste konstruataj en formoj tre diversaj. Laŭ ĉio estis la sunhorloĝoj en Grekujo tre disvastigitaj kaj estis eĉ ne unu pli granda urbo, kiu ne estus posedinta almenaŭ unu horloĝon starigitan sur iu pli alta loko por komuna bezono.

En Ateno ĝis hodiaŭ estas konservita belega memoraĵo je la greka arĥitekturo, el la dua jarcento a. K. Ĝi estas la tiel nomata „turo de ventoj", konstruita de Androniko Cyrrhesto. Ĝi estas okangula, tuta el marmoro, en stilo korinta. Sur ĉiu el la ok flankoj troviĝas plastika bildo, prezentanta dion de vento, sub kiu troviĝas vertikala sunhorloĝo. Interne en la turo sur marmora planko estas tre precize kaj zorge skulptitaj sulkoj, kvazaŭ defluiloj, pri kiuj oni pensas, ke tie estis ia akva horloĝo.

Romo havis la unuan sunhorloĝon en la j. 262 a. K. — Tiu ĉi horloĝo estis alportita el la almilitita Sicilia urbo Katinio kaj publike starigita sur la placo apud la oratorejo.

De post tiu tempo oni komencis en ĉiuj lokoj de la roma regno konstruadi sunhorloĝojn, kaj la romaj riĉuloj havis inter sia sklavaro specialan serviston, kies tasko estis, de tempo al tempo iri al la publika gnomono rigardi kioma horo estas, por tion sciigi al la sinjoro.

La Araboj dividis la tagon de la suneliro ĝis la sunsubiro ĉiam je 12 partoj tiel, ke la someraj horoj estis pli longaj ol la vintraj. Iliaj horloĝoj estis horizontalaj kaj sur ĉiu devis esti signita „kibleh", t. e. linio sur la ciferplato en la direkto al la urbo Mekka, estinta loĝejo de Mahometo. Kiam la ombro atingis la linion „kibleh", estis tiu momento laŭtvoĉe anoncita de minaretaj heroldoj, kaj ĉiu bonkreda mahometano devis direktiĝi per vizaĝo al Mekka, profunde sin klini kaj diri la difinitan preĝon.

Por pli granda precizeco konstruis la fama hinda astronomo Iayasinha en la pasinta jarcento en Delhi kaj en Benares sunhorloĝon en grandega mezuro. La horloĝo estas ŝtonmasonita, la gnomonon anstataŭas muro en formo de triangulo. La alteco estas 60 anglaj futoj (18·3 m). Malantaŭe estas alia muro en formo de duonrondo. La hipotenuso de triangulo, ĵetante ombron sur liniojn desegnitajn sur la posta muro, montras la tempon tiel precize, ke oni povas legi eĉ minutojn.

La sunhorloĝo havas sian valoron kaj signifon sole tiam, kiam la suno lumas. Sed se nubo vualas la sunon, tiam la sunhorloĝo ĉesas funkcii. Kaj la homo tamen volus scii kioma horo estas, en ĉiu okazo, kiam la suno estas kovrita, kaj ankaŭ dum la nokto.

Li do pripensis, per kia rimedo li povus mezuri la tempon eĉ sen la suno. Li observis la elfluadon de akvo el iu malfermajo kaj ekkonis, ke dum certaj kondiĉoj ĝi estas proporcia al la tempo dume pasinta, kaj ke per mezurado de la elfluinta akvo li povus ankaŭ difini la tempon.

Jen la principo de akva horloĝo, de Grekoj nomata „klepshydron". Lau ĉio oni povas juĝi, ke la akva horloĝo ne estas multe pli juna ol la suna. La fablo pri „Kinokefalos" koncernas ankaŭ la akvan horloĝon, ĉar la besto 12-foje dum la tago kriante ankaŭ la akvon fluigis Tial la Egiptanoj, fidelaj al tiu ĉi tradicio ĉiam sur sia horloĝo konstruis la statuon de Kinokefalos.

La plej malnova akva tempmezurilo, pri kiu la historiaj datoj estas konservitaj, estas la akva horloĝo de Plato en Grekujo (400 j. a. K.). La vazo havis formon de konuso kun malgranda trueto malsupre. En la vazo troviĝis ankoraŭ alia masiva konuso. Dum pli longaj tagoj oni ŝovis la masivan konuson pli profunden en la akvon, kaj laŭ tio elfluadis la akvo pli aŭ malpli rapide. Tiu horloĝo kompreneble ne estis tro preciza.

Alian akvan horloĝon konstruis la Greko Ktesibios, instruanto de Herono, loĝanta en Aleksandrio 225 j. a. K. Lia horloĝo havis fantazian aspekton. Apud kolono, ne tro alta, sed sufiĉe larĝa, troviĝis du alegoriaj statuoj de infanoj. Unu estis muntita nemoveble, sed la alia troviĝis en malgranda akvujo apud la kolono kaj fiksita sur breto aŭ korko, flosis sur la akvo. Tra la kava korpo de la unua figuro estis kondukata akvo per speciala meĥanismo en ĝian kapon kaj tra ambaŭ ĝiaj okuloj elfluadis guto post guto, kio aspektis, kvazaŭ la infano plorus. La larmoj fluis en la vazon, kiu pli kaj pli pleniĝis, la akvo suprenlevadis la duan figureton, kiu per ia montrilo en la mano montris la horojn, sur la kolono desegnitajn. La horaj linioj ne estis paralelaj, sed sur unu flanko de la kolono pli larĝaj. La kolono mem turniĝis unufoje dum la jaro tiel, ke somere, kiam la tagoj estas plej longaj, la plej larĝaj linioj troviĝis post la akvujo kaj la figuro montris pli longajn horojn ol vintre. La meĥanismo, turnanta la kolonon, elĵetadis en difinitaj intertempoj malgrandajn ŝtonetojn, kiuj falis sur metalan platon kaj ĝin eksonigis. Kiel simpla horloĝo de Egiptanoj servis kava globo kun malgranda trueto, metita sur la akvon. Tra la truo la akvo malrapide eniĝadis en la globon, tiu ĉi pli kaj pli subakviĝadis kaj laŭ la subakviĝo oni mezuris la tempon. (*Daŭrigo.*)

# PROČ SE MAJÍ DĚTI UČITI ESPERANTU?

*Inspektor D. Bonnehon a učitel A. Rosiaux ve Francii píší o tomto thematě v Hachettově knize „Cours Primaire d'Esperanto“:*

1. Protože znalost pomocného jazyka, který si bez námahy osvojí v krátkém čase, může jim později přinésti věcný prospěch: již značný počet firem obchodních užívá Esperanta ve své korespondenci s cizinou a styky mezinárodní budou nabývati stále většího rozpětí. 2. Protože Esperanto, které právem bylo nazváno „latinou lidu“, jest cennou pomůckou pro studium jazyka mateřského a výtečným nástrojem pro gymnastiku ducha: cvičení o tvorbě slov, překlady a úlohy esperantské poskytují našim žákům vskutku služby obdobné s výhodami, které podává překlad z jazyků klasických žákům středních škol. 3. Protože studium Esperanta, jehož mezinárodní slovník jest vybrán z různých řečí národních, jest nejlepší přípravou ke studiu cizích řečí živých. 4. Konečně proto, že Esperanto, jazyk libozvučný, velmi ohebný a bohatý, vystihuje podivuhodně nejjemnější odstíny myšlenky: dík jemu lze se seznámiti s předními pracemi literatur všech národů.



*J. Novák.*



*F. Farník.*

EPERANTO INTER JUNULARO trovas ankaŭ ĉe Bohemoj amikojn. Ambaŭ bildoj konatigas nian legantaron kun filoj de fervoraj samideanoj s-o Fr. Novák, kasisto de la Esp. Klubo en Praha kaj s-o Arthur Farník, instruisto de lingvoj en Praha VIII.; instigataj de propra diligenteco parolas la knaboj jam de post sia sepa jaro tiel flue Esperanton, kiel la lingvon gepatran.

# INFORMOJ PRI LA BOHEMA NACIO.

**400jara jubileo de la bohema preso en Wien.** Nunjare forpasos kvarcenta jaro, de kiam en Wien nigriĝis la unuaj bohemaj vortoj sub la presista premilo. Ĝi estis en libreto „Dictionarius trium lingvarum, latinae, teutonicae, b o h e m i c a e, potiora vocabula continens, peregrinantibus apprime utilis" (Trilingva vortaro: latina, germana, bohema, enhavanta la pli gravajn vortojn, speciale utila por la vojaĝantoj). Tiu ĉi unua presaĵo estas sekve je 31 jaroj pli juna ol la plej malnova presaĵo wien'a entute (1482). Baldaŭ sekvis ĝin pluaj helpiloj didaktikaj, ankaŭ laŭ la enhavo pli ampleksaj, ĝis la batalo sur Blanka Monto (1621). Post tiu ĉi katastrofo ekdormis la bohema preso por cent jaroj. Nur en 1726 ekaperas refoje la publikaĵoj bohemaj en Wien, sed malmultnombre. De la j. 1848 ili fine fariĝas speciale rimarkindaj pro siaj kvanto kaj enhavo kaj en la lasta duono de la pasinta jarcento ili fariĝas tieldire eĥo de la literatura vivo en Bohemujo. Trarigardante nun la tutan 400-jaran etapon kaj kolektante ĝiajn fruktojn, ni rikoltas 800 verkojn — rezultato certe kontentiga, ĉe la cirkonstancoj, dum kiuj ĝi maturiĝis. (En tiu ĉi nombro estas la periodaj verkoj, kiel ekz. kalendaroj, almanakoj k. a. kalkulataj unufoje, same kiel verkoj aperintaj en pli multe da eldonoj.) En la samo speciale atentinda estas la statistiko de la gazetoj. Ĝ i s  l a  l a s t a  t e m p o  e s t i s  f o n d i t a j  e n  W i e n  121  b o h e m a j  g a z e t o j, el kiuj la plej malnova en 1761. Hodiaŭ daŭras tie aperadi 39 gazetoj. Laŭ la fakoj dividite, rilatas 70 verkoj la literaturon religian, 70 la lernejan, 70 beletristikon, 60 juroscienĉon k. t. p. La plej fekundaj estis la jaroj 1852 kaj 1898; tiu ĉi donis 30 novaĵojn! Multaj el ĉi tiuj presaĵoj malaperis, ĉar iam ili intence estis ignorataj, iam ili senvole estis forgesataj de la centraj bibliotekoj: la kortuma kaj la universitata. (*A. Vachata.*)

**Pri la bohema karaktero** skribas la bone konata germana verkisto wien'a **Hermann Bahr**: „Ŝajnas al mi, ke Bohemoj havas inter ĉiuj Slavoj la plej grandan signifon; ĉar ĉe sia pasio, lasi nenion, kio spirita fariĝas en Eŭropo, neeluzita, sed kontraŭe partopreni la spiritan sorton de Eŭropo per sia plena forto, havas Bohemoj tamen tiel fortan, substancan naciecan trajton, ke ili nenion alprenas, kion ili ne alkonformus al si tuj interne kaj laŭ sia maniero ne transformus tiel, ke la transprenita afero perdas ĉiujn fremdajn signojn kaj estas trapenetrita de propra spirito de ĉi tiu rimarkinda, mola, sed samtempe volforta, mense obstina, romantiko-realisma nacio. Kiel Jaroslav Kvapil, la granda reĝisoro de la Bohema Nacia Teatro en siaj scenaranĝoj sekvas jen Otto Brahm, jen Max Reinhardt, jen Moskewski, sed tamen konservas

ĉe tio sian individuecon, kaj kion li ektuŝas, al tio li, por tiel diri, enpremas boheman monogramon, tiel havas la junaj bohemaj poetoj la saman mirindan forton enfaladi en la grandan ĥoron de Eŭropo per sia propra voĉo, kiun oni povas nek malaprobi nek forgesi. Ili partoprenas la sorton de Eŭropo ne kiel pasivaj akceptantoj de la donitaj okazintaĵoj, sed ili donas al ĉiu fremda verko sian propran respondon, ili ne estas imitantoj, sed kunkreantoj de la komuna Eŭropo".

**La gento de vero.** Nova rusa gazeto „Slavjanin" nomas la slavan genton gento de vero. Se oni observas la tutan vojon de nia kulturo de post tiu tempo, kiam ni, Slavoj, enpaŝis en la arenon de la historio, oni trovas, ke ĉiuj niaj genioj batalis en nomo de vero. Jam la unuaj apostoloj Cirilo kaj Metodo, kiuj donis al ni la fundamentojn de nia historia kaj kultura tipeco, komencis per batalo kontraŭ malnova herezo kaj montris, ke Dion oni povas adori ne sole en la lingvoj latina, greka aŭ hebrea, sed ankaŭ en la slava. Revolucion, kiun ili sekvigis en la kristana eklezio, kronis Polo Kopernik, kiu anstataŭis la geocentrismon per heliocentrismo, (*gea* - tero, *helios* - suno), pruvinte, ke la tero rotacias ĉirkaŭ la suno. Bohemo Jan Hus faris la samon sur kampo de etiko; ŝanceliginte la fundamentojn de la „papocentrismo," li suferis la brulmortigon pro vero. Bohemo Komenský (Comenius) laboris pri pedagogio simile, kiel Cirilo kaj Metodo pri la ekleziaj demandoj: batalante kontraŭ la latina skolastiko, li pruvis, ke la kulturo devas esti prezentata al la popoloj per ilia propra lingvo, kaj ke tia klerigado akcelos la tendencon de la homaj grupoj celantan la perfektigon. Ruso Lobaĉevskij, ŝanceliginte la bazojn de la Eŭklida geometrio kaŭzis tian renverson en la geometrio, kiel Kopernik en astronomio. La fundamentoj de la moderna ĥemio devenas de Ruso Mendelejev kaj en liaj postsignoj sekvis lin Polino Sklodowska (edzino de prof. Curie), kiu surprizis la mondon per sia eltrovo de radiumo. Serbo Tesla difinis tute novan vojon al la elektrotekniko. Tiajn meritojn havas la slava gento en la scienco; en la literatura arto kiu povus ne aludi la nomojn de Tolstoj kaj Dostojevski, kiuj havas vere signifon tutmondan. Ĉiuj nomitaj sopire sekvis unu idealon — la regadon de vero sur la tero, la forigon de eraroj. Ili estis batalantoj por la vera libereco de la homo, ĉiudirekte plenampleksa. Laŭ ĉi tiuj genioj oni povas juĝi pri la plua rolo de la Slavoj en la homaro.

**Franca revuo** „Les Marches de l' Est" eldonis specialan kajeron pri Bohemujo, por kiu kunlaboris precipe dr. Jelínek, Souzdal, A. Mithouard, membro de la pariza urba konsilantaro k. a. Tiu ĉi interesa n-o estas mendebla por Fr. 1·50 ĉe la administracio de la nomita revuo (Paris VI. 84. rue Vaugirard).

La **angla klubo** en Praha, kiu krom la instruado pri la angla lingvo celas la proksimigon de nia nacio kun la anglolingvanoj, jus eldonis valoran helpilon por la interesiĝantoj pri la bohemaj aferoj: ĝia publikaĵo „Bohemica" enhavas nomaron de ĉiuj anglaj verkoj, kiuj traktas pri la bohema nacio. Petu ekzempleron ĉe sekretario de „English Cercle of Prague".

## ORBIS PICTUS — LA MONDO EN BILDOJ.

(*J. A. Komenský — Comenius: 1654.*).

OBLAK. Z vody vystupuje pára. Odtud dělá se výše oblak a blízko země mlha nebo rosa. Z oblaku kape dešť a lijavec, jenž zmrzlý stává se kroupami, polozmrzlý sněhem. Za oblakem dešťovým, naproti slunci postaveným jeví se duha. Krůpěj vody padající, činí bublinu; mnoho bublin skládá pěnu. Zmrzlá voda jmenuje se led, zmrzlá rosa sluje jinovatka. Při bouřce šlehá z mraků blesk, jejž provází hřmění, někdy udeří hrom, zvláště do vysokých předmětů.

*LA NUBO. El akvo leviĝas vaporo. El ĝi pli alte fariĝas nubo kaj proksime de la tero nebulo aŭ roso. El la nubo gutas pluvo kaj pluvego (batpluvo), kiu, frostiĝinta, fariĝas hajlo, duone frostiĝinta, neĝo. Malantaŭ la pluva nubo, staranta kontraŭ la suno, aperas pluvarko (ĉielarko). Guto en akvon falante, faras aervezikon (blazon); multe da aerverzikoj formas ŝaŭmon. Akvo frostiĝinta estas nomata glacio, frostiĝinta roso nomiĝas prujno. Dum la fulmotondrado ekradias el la nuboj fulmo, kiun akompanas tondrado, kelkafoje la fulmo frapas, precipe altajn objektojn.*

ZEMĚ. Na zemi jsou vysoké hory, hluboká údolí, vyvýšené pahorky, duté jeskyně, rovinaté nivy, stinné lesy. Sopky vyhazují oheň. Ledovce věčným sněhem kryty jsou.

*LA TERO. Sur la tero estas altaj montoj, profundaj valoj, plialtigitaj montetoj, kavaj grotoj, ebenaj kampoj, ombraj arbaroj. La vulkanoj elsputas fajron. La glacimontoj estas kovrataj de eterna neĝo.*

PLODY ZEMSKÉ. Louka vydává trávu s kvítím a bylinami, které posekané senem se stávají. Role nese obilí a zeliny. V lesích rostou houby, jahody, borůvky atd. V zemi kryjí se kovy a kameny.

*LA TERPRODUKTOJ. La herbejo produktas herbon kun la floroj kaj plantoj, kiuj falĉitaj fariĝas fojno. La kampo portas grenojn kaj legomojn. En la arbaroj kreskas fungoj, fragoj, mirteloj ktp. En la tero kaŝiĝas metaloj kaj ŝtonoj.*

KAMENY. Kámen jest kus skály. Písek a štěrk jest rozdrobený kámen. Brus, oblázek, mramor atd. jsou neprůhledné kameny. Drahokamy jsou kameny průhledné, jako: bílý diamant, červený rubín, modrý safír, zelený smaragd, žlutý jacint atd., a třpytí se, jsou-li broušeny. Sklo podobno jest kamenu průhlednému. Solí kořeníme jídla.

*LA ŜTONO. Ŝtono estas peco da roko. Sablo kaj gruzo estas pecetigita ŝtono. Akrigilo, siliketo, marmoro ktp. estas maldiafanaj ŝtonoj. Gemoj estas ŝtonoj diafanaj, kiel: blanka dimanto, ruĝa rubino, blua (azura) safiro, verda smaragdo, flava jacinto ktp. kaj ili brilas, se ili estas facetitaj. Vitro similas diafanan ŝtonon. Per salo oni spicas la manĝaĵojn.*

(*Daŭrigo.*)

# REVUO DE LA REVUOJ.

„... Laste ni parolas pri *la grupoj*, ĉar la vigligo de ilia vivado havas unuarangan gravecon. La grupoj estas maŝoj en la tutmonda reto de la esperantistaro. Tial ni klopodu en ĉiu urbo certigi la ekziston de la grupo, nepre fiksi tagon kaj ejon por kunvenoj, instigi la membrojn konstante daŭrigi la kunvenadon. Eĉ se nur kvar aŭ ses personoj kunvenas, tamen ilia rekontiĝo de tempo al tempo por ekzerci nian lingvon kaj kreskigi en si la samideanan senton, estas la ĝermo de estonta vigla prospero de Esperanto. La publikigo de tiuj renkontiĝoj al la tutmonda esperantistaro ebligas, ke hazarde tien iranta esperantisto trovu samideanan akcepton.

La interproksimigon de la membroj devas plifaciligi la grupoj per ĉiuj eblaj rimedoj; krom la ordinaraj kunvenoj, festetoj, komunaj amuzoj, ekskursoj, vigligas la esperantistan vivon. Ni ankoraŭ atentigas pri tre bona, ĝis nun malofte uzita okazo por bona esperanta propagando. Apenaŭ ni povas imagi pli bonan okazon por tio, ol reciprokan interviziton de grupoj en proksimaj urboj. Vizito eĉ de 4—5 samideanoj povas havi mirindan efikon je la esperantista vivo de ambaŭ grupoj. Ĉar tiaj vizitoj postulas ne grandan preparon, nek multan elspezon, nenio malhelpas, ke ili fariĝu ĉiam pli kaj pli oftaj. Tiamaniere naskiĝos amikeco inter samideanoj, kaj tio pleje alligas al Esperanto kaj al esperantista movado ...“ — (*La Verda Standardo 1913*; *n-o 1.*).

Iom surpriziga efektive estas la fakto, ke post dudekkvin jaroj de konstanta propagando, la nombro de nunaj Esperantistoj tute ne estas proporcia je la multnombraj varboj anoncitaj ĉiujare; ŝajnas, kvazaŭ Esperantujo estus diversporda palaco, en kies interno trovas sin multpersona societo invitanta ĉiujn preterpasantojn al aliĝado; multaj obeas tiun inviton kaj eniras la palacon, sed ĉar preskaŭ egala nombro de gastoj samtempe eliras el ĝi kaj forlasas la societon, tiu ĉi lasta ne plimultiĝas spite de la plej energia varbado de novaj anoj.

Se do ni volas ne ĉiam vane propagandi, al mi ŝajnas nepre necesa iu ŝanĝo en nia labora sistemo. Tre certe, ni devas daŭrigi la eksteran propagandon kiel ni faris ĝis nun kaj eĉ, se eble, ankoraŭ pli vigligi ĝin; sed ni devas samtempe ne forgesi tiun alian flankon de nia afero, la internan propagandon, dank' al kiu la malvarbiĝado de niaj adeptoj estos malhelpata. Alimaniere dirite ... La sperto montras al ni, ke, se ni volas serioze progresadi, ni devas ne nur akiri novajn partianojn, sed precipe ni bezonas konservi niajn malnovajn adeptojn, tiamaniere ke ni perdu nur kiel eble pli malgrandan parton el ili, nur tiun, kiun forrabos de ni tiu neevitebla malamiko, la morto. Mi do deziras tiri hodiaŭ la atenton de miaj legantoj al tiu grava problemo, de kies solvo dependas grandaparte la estonteco de nia afero. Mi esperas, ke ili volos esplori ĝin detale kaj helpi min trovi taŭgan rimedon por resanigi nin de tiu malsano.

Por atingi tiun celon, ni devas imiti la kuracistojn. Kiam tiuj ĉi lastaj konstatas la ekziston de malsano, ili serĉas ĝiajn kaŭzojn, kaj poste trovas efikan kuracilon resanigontan per forigo de tiuj

kaŭzoj. Simile, ni devas unue serĉi, kial multaj adeptoj forlasas nian aferon tiel rapide, kaj kiam ni estos trovintaj la kaŭzon de tiu ĉi malsano, mi esperas, ke la rimedo estos facile eltrovebla kaj precipe uzebla de ĉiuj. Mi invitas miajn legantojn esplori la aferon kaj respondi al la sekvantaj demandoj:

1-e. Kial multaj Esperantistoj forlasas Esperanton kaj ĉian agadon por lingvo internacia entute post kelkatempa fervoreco? 2-e. Kion fari por malhelpi tion ĉi kaj konservi ilin al nia afero? (*Fruictier: Le Monde Espérantiste 1913; n-o 1.*)

Lastatempe regis jubilea modo, kaj ni multe malantaŭen rigardis: Historio nia, kvankam mallonga, nin saĝe instruas. Ke nia lingvo oficiale stariĝos post nur kelkaj jaroj, tion ni ĉiuj revis antaŭ dek jaroj, kiam komenciĝis la vigla propagandado. Ne tiel okazis, kaj ni ĝojegu pro tio. Anstataŭ ĉiam celi kaj atendi unu finan venkon, ni ekkomprenis, ke movado kiel nia sukcesas per ĉiutaga senfina venkado, ke en tiu bela kreskado, nia lingvo fariĝas ĉiam pli viva, ĉiam pli riĉa, ĉiam pli mempotenca. Ĝi akiras historion, tradicion, sperton kaj literaturon. Dum ĝin alprenas iom post iom la homoj kaj la lernejoj, ili jam enkondukas kun ĝi novan kulturon, novan senton, novan internacian civilizacion. Tiun novan potencon, kiun ni kreskigas ĉiutage, ni faru ĉiam pli nobla kaj pli bela por la bono de l' tutmondo.

Ankaŭ nin mem tiu longa penado edukis kaj edukos ankoraŭ profunde. Ho, kiel ni devus bedaŭri, se ni ne estus havintaj tiujn mirindajn jarojn de edukado. Ĉio: malsukcesoj kaj sukcesoj, mokoj, aproboj, helpoj, malhelpoj, amikoj, malamikoj, ĝojoj, trompoj, sindonoj, perfidaĵoj, persekutoj aŭ honoroj, ĉu ĉio tio nin ne plej mirinde edukas? Kiel vivas homoj, kiel vivas lingvo, kiel kreiĝas nova mondo, ni lernis de nia historio kaj ni povas nur esperi, ke ĝi daŭre kreskos same bele kaj normale, ĉar ĉiutage pli gravajn kaj pli multajn sukcesojn ni atingas sur nia granda komuna Vojo . . .

Ĉiu lando alportas al nia afero sian propran kvaliton de l' koro kaj animo: La vivecon de Francujo, la disciplinon de Germanujo, la sunbrilecon de Italujo, la liberecon kaj elokventecon de nia kara Svisujo, la viglecon de juna Japanujo, la seriozecon de Rusujo, la vivamon de Aŭstrio, ***la gravemecon de Bohemujo***, la antaŭenpuŝon kaj mondvagemecon de Usono. Kaj ĉiuj landoj unuiĝas en granda solidareco per la lingvo de mondamikeco.

Estis diite ‚L' Oriento estas l' Oriento, kaj l' Okcidento estas l' Okcidento, kaj neniam la du unuiĝos'. Tio ne estas vera. Ili nepre unuiĝos, ili ja unuiĝas, kaj fratiĝas, per Esperanto. Ĉiu lando alportas el sia plej bona kaj plej alta al la servado de la tutmonda frataro.

Kaj kion alportas Britujo? Nia lando, al kiu nia mondamo ne difektas nian veran patriotismon, alportas siajn specialajn kvalitojn; kvalitojn, kiuj estas la fruktoj de nia historio.

(*El „The British Esperantist“ n-o 99. 1913.*)

Esperantisma frazaro: „. . . Nia afero marŝas. Videble kreskas la intereso por nia kara lingvo. Pli kaj pli oni uzas ĝin praktike, kaj jam tre aŭdeble ĝi frapetas kontraŭ la pordoj de niaj lernejoj. Ĝoje kaj esperplene ni povas rigardi en la venontan jaron. Ni deziras al niaj amikoj tutkore, ke ĝi fariĝu por ili feliĉa

kaj prosperiga. Forflugu la nigraj nuboj, kaj ĉiam lumu super ni de sur denove serena ĉielo la milda brilo de nia verda stelo ...“ (*El?*)

**Sintaksa perlo!** „*La Movado*“ n-o 1. 1913 pĝ. 6. Sinjoro Besombes proponis fari paroladon kaj, *la propono akceptite* (!!), vizitis la urbestron por havi ĉambron. (Nekomprenebla galicismo.)

* *

„Čechische Revue“ (V., č. 4.) končí svůj ročník doslovem hodně tristním a řekl bych: nespravedlivým k výsledkům vlastní práce. Redakce její tu uvádí: „Chtěli jsme býti méně chváleni, ani ne mnoho kupováni, za to tím pilněji čteni. Považovali jsme však přímo za nemožné, že bychom se setkali s tak systematickým bojkotem, jaký byl proti nám prováděn. Zkušenosti, učiněné s naší prvou revuí „Monatsschrift des böhmischen Museums“, opakovaly se v míře ještě zvýšené; ani list Cl. Brentana na př. jedinkým slovem nebyl registrován a to ani v časopisech, které jinak každý podobný projev vyslídí i v nejskrytějších zákoutích. Stará věta: „Slavica sunt, non leguntur“, platí dle těchto zkušeností i pro to, co Češi napíší německy. A Němci všech odstínů od mladistvých Všeněmců až po staroliberály a konservativce, kážící snášenlivost, jsou, když v ničem jiném, aspoň v tom za jedno, nedati se poučiti o ničem českém, nedati si uloupiti žádný předsudek... Domnívali-li jsme se, že se naší revuí budeme moci obrátiti za hranice německé říše, k malým a velkým národům, zavzněla nám — až na malé výjimky — zpět výzva, abychom psali v jiné řeči světové. Jaký význam má tedy řeč světová? Proč obětujeme tolik cenného času, abychom se naučili světové řeči, je-li řečí stejného významu jako všechny ostatní? Otevírá-li cestu pouze k jedinému národu a nevede ani o krok dále? Učíme se do omrzení, že němčinou se nám otevírá svět; mnozí rodiče obětují tomu domnění snad budoucnost, jistě však radosti mládí svých dětí — a na konec je to pouze německý svět, který se jim otevírá, svět, který snad byl dosti široký pro tovaryše, vydavajícího se pěšky na zkušenou, který však je zoufale úzký v době motorových vozů a létadel.“ — *Takových upřímných doznání jen Pane Bože houšť; tak snad Esperanto přece najde milosti i v našem učeném světě.*

# IOM DA INSTRUO.

**Atlantis**. En prahistoria epoko ekzistis inter la nunaj Eŭropo, Afriko kaj Ameriko alia tre granda kontinento, sur kiu loĝis la kvara ĉefa homa raso kaj atingis altan kulturon. Ĉi tiu kontinento malaperis post grandegaj kataklismoj. Ĝia lasta parto, Poseidonis, pri kiu parolas Plato, estis detruita de la lasta katastrofo en la j. 9564 antaŭ Kristo. Jen la argumentoj, atestantoj la ekzistadon de la praepoka mondparto: 1.) Trovoj ĉe la marsondado. 2.) Divido de la besta kaj kreskaĵa regnoj sur la terglobo. 3.) Simileco de kelkaj lingvoj kaj nacioj, geografie tre malproksimaj. 4.) Parenceco de religioj, moroj, kutimoj kaj arĥitekturaj stiloj ĉe diversaj nacioj. 5.) Atestoj de antikvaj verkistoj. 6.) Tradicio de diversaj nacioj. 7.) Legendoj pri diluvo. Angla ŝipo Challenger kaj amerika Delphin traesploris la tutan fundon de Atlanta oceano. Ili trovis submaran montĉenon, kiu etendiĝas de la 50 grado de la norda latitudo en Atlanta oceano sudokcidenten al bordoj de suda Ameriko, de tie ĝi fleksiĝas al bordo afrika, kie apud la insulo Ascension ĝi di-

rektiĝas suden kaj malaperas ĉe insulo Tristan d' Acunha. La tuta montaro estas kovrita de vulkanaj formacioj tra la tuta larĝo de oceano. Sur la firmaĵoj per tiu ĉi maro apartigitaj oni trovis restaĵojn de multaj bestoj kaj kreskaĵoj; estis trovita kamelo en Hindujo, en Afriko, en Suda Ameriko, en Kansaso; ĉevalo, kiu de pratempo vivis en Eŭropo, estis trovita en Nebrasko. Same brutoj, ŝafoj kaj kaverna leono troviĝas ambaŭflanke de tiu ĉi oceano. Ankaŭ kreskaĵoj de miocena epoko estas trovataj sur ambaŭ bordoj de tiu ĉi oceano kaj samtempe en centro de Ameriko. La plej strangan kazon prezentas banano, kies frukto estas senkerna, kaj tritiko. Alia signo pri la iama kunigiteco de ambaŭ kontinentoj estas lingvo: la baska lingvo havas multe da similaĵoj kun lingvo de la pratempaj Indianoj. Lingvo de Majasoj en Jukatano similas la grekan. Ilia alfabeto grandparte rememorigas la hieroglifojn de Egiptoj. Multe da vortoj hebreaj troviĝas en lingvo de Ĥianepekoj. Ankaŭ la tipoj estas komunaj: atestas tion negraj vizaĝoj sur monumentoj, nemalsimilaj al tipoj de negroj afrikaj: kontraŭe la antikvaj egiptoj mem sin pentris ruĝe. Ankaŭ la religiaj kutimoj: adorado de kruco kaj de suno estis kutima en Ameriko. La nomo de Dio — „Teo“ aŭ „Deo“ respondas al vortoj ĉe la nacioj Hindoeŭropaj: Deus, Zeus, Dayans, Dia ktp. Eĉ la bapto estis tie konata kiel en Babilono kaj en Egiptujo. Simile ili havis la Virgulinon-Dipatrinon kaj ŝian filon, „savinton de la mondo.“ Kaj fine ili havas legendojn pri la ĝenerala diluvo, kiuj plene respondas la niajn.

## JAZYKOVÝ RÁDCE — LINGVA FAKO.

Bulgarujo. La 5. de oktobro 1909 proklamis la bulgara princo Ferdinando en Trnovo Bulgarujon memstara reĝolando. En manifesto al la nacio li diras interalie: „Mi kaj mia nacio deziras politikan rejuniĝon de Turkujo kaj ni ĝojas pri ĝi. Libera kaj sendependa Turkujo kaj same libera kaj sendependa Bulgarujo havas kondiĉojn krei reciprokajn amikajn rilatojn kaj firmigi ilin tiamaniere, ke ili persiste celos la pacaman evolucion. Trapenetrita per ideo pri tiu ĉi sankta laboro kaj por plenumi la bezonojn de la ŝtato, mi proklamas, petante pri beno la Ĉiopovan, Bulgarujon en 1885 kunigitan, sendependa reĝolando. Mi kaj mia nacio opinias, ke tiu ĉi faro estos aprobita de la grandpotencoj. Vivu la bulgara nacio kaj la sendependa Bulgarujo.“ La nova reĝo konigis tuj sian agon al Turkujo. Politike estis tiu ĉi proklamo akto formala. Bulgarujo kondutis memstare tuj post la berlina kongreso dum Aleksandro Battenberg. Ĝi ne pagis al la sultano tributon, faradis komercokontraktojn, armadis kaj ekzercis la armeon. La suvereneco de la sultano estis sole laŭtitola.

Amerikane. Pastoro John, granda viro en malgranda vilaĝo M., kiu estis tre severa paŝtisto, kies milda mano malofte estis por liaj ŝafoj malfermita, estis tre malsana, kaj liaj amikoj interkonsiliĝis, ke ili imitados manieron kutiman ĉe aliaj eminentuloj kaj anoncados raportojn pri lia malsano. Tiel okazis, ke unu belan tagon la piaj parohanoj legis sur la tabulo: „Je la 6-a horo vespere: la stato de pastoro John estas danĝera.“ — „Je la 7-a horo vespere: pastoro John fartas pli bone.“ — Je la 9-a horo vespere: la stato de la paciento malboniĝis.“ — „Je la 11-a horo

vespere: Pastoro John foriris en ĉielon.“ Frumatene iu ŝerculo, kiu ne nomis la pastoron sia amiko, preterirante, alskribis sub ĉi tiun lastan raporton: „Ĉielo, 7-a horo matene: Ĉi tie granda emocio. Pastoro John ne venis ĉi tien.“

**Pri akuzativo post „anstataŭ“.** — Kiel ĉiu alia prepozicio, tiel ankaŭ „anstataŭ“ per si mem postulas ĉiam la nominativon; se tamen ofte oni trovas ĉe bonaj aŭtoroj post „anstataŭ“ la akuzativon, tiu ĉi lasta estas uzita ne pro la prepozicio, sed pro aliaj cirkonstancoj. Ekzemple, en la frazo: „Petro batis Paŭlon anstataŭ Vilhelmon“, la lasta parto de la frazo prezentas nur *mallongigon* (= anstataŭ *bati* Vilhelmon), kaj la akuzativo forigas ĉiun dubon pri tio, ke anstataŭigita estis ne la batanto, sed la batato.

*Dr. L. L. Zamenhof*: *Oficiala Gazeto*, IV, 1911, pĝ. 2.

**Pri „li“, „ŝi“, „ĝi“.** La pronomoj „li“ kaj „ŝi“ estas uzataj nur por personoj; por aferoj, objektoj kaj ankaŭ por bestoj ni uzas la pronomon „ĝi“, ĉar en tiaj okazoj la sekso ne ekzistas. Se ni tamen, parolante pri objektoj aŭ bestoj, volas esprimi difinitan sekson (viran aŭ virinan), tiam ni povas uzi „li“ kaj „ŝi“.

*Dr. L. L. Zamenhof*: *La Esperantisto*, 1892, pĝ. 79.

**Ze slovníku.** Předložka **po**: po čem *(o ceně)* po kiom? *(př. po 1 hal.* po unu helero); *po dešti* post la pluvo; *po mě (podle mě)* laŭ mi; *po městě* en (tra) la urbo; *je po něm* li estas morta; *po kapkách* guto post guto, pogute, gute; *po česku* boheme; *je po všem* ĉio estas perdita; estas fino de; *po hlavě* kapantaŭe; *po tvém* laŭ via volo; *vdova po učiteli* vidvino post instruisto· *běhati po plesích* vizitadi la balojn; *choditi po rukou* marŝi sur la (brakoj) manoj; *poslati po někom* sendi per iu; *po otci* simila al patro; *po dobrém* post amik(ec)a admono; *po zlém* perforte; *zůstati po škole* (r)esti retenita post instruado; *jíti po svých* zorgi pri siaj aferoj.

**Co skrývala sfinga.** Jak sděluje „Matin“, učinil profesor Reisner z harvardské university, známý egyptolog, jenž právě zkoumá v Egyptě sfingu, sensační objev, který má velký vědecký význam. Prof. Reisnerovi se podařilo vniknouti do nitra sfingy, kde nalezl chrám, zasvěcený slunci. Tento chrám je starší nejstarších pyramid, neboť datuje se z doby asi 6000 let př. Kristem, tedy z nejstarší doby egyptské historie. Ve sfinze je také hrobka prvního známého krále egyptského, Menese, který se povyšoval za božstvo a dal tuto sfingu vystavěti. Chodby, vyhloubené ve sfinze, vedou do dutin, do nichž se ještě nepronikło, neboť práce započaly teprve před 6 měsíci. Sfinga je vytesána celá z kamene, a uvnitř lze pozorovati ještě městské stavby, jež byly dle všeho dříve pod širým nebem. Dosud se neproniklo dále, nežli do hlavy sfingy, kde je velká síň, 18 m dlouhá a 4 m 20 cm široká. Tato síň je chodbou spojena s chrámem slunce, který je ve výšce prsou sfingy. Je tam na sta předmětů, zdobených křížem v kruhu, symbolem slunce, tedy také slunci zasvěcených. Ve sfinze je také množství malých pyramid. Dle prof. Reisnera nebyly pyramidy v této době nežli ručičky slunečních hodin a sfinga sama byla bohem slunce. Pyramida Cheopsova udávala přesně hodiny. Profesor doufá, že zkoumání předmětů, nalezených ve sfinze, objeví tajemství egyptských kněží, jejichž znalosti magie byly, jak on věří, nejlepší. Jeho práce nepokračují bez obtíží, neboť Arabové, zaměstnaní při práci, nechtějí spáti v hlavě sfingy. Věří, že tato hlava je sídlem množství démonů, a že všichni lidé, kteří tam spí, jsou odsouzeni k smrti.

(*Překlad viz v č. 4.*)

# Z CELÉHO SVĚTA.

**IX. Universala Kongreso Esperantista en Bern.** Jak jsme již sdělili svým čtenářům, bude letošní kongres pořádán ve Švýcarsku (místo v Janově). Výbor pracující na přípravách k této manifestaci žádá důtklivě všechny přátele Esperanta, kteří se sjezdu súčastní, aby co nejdříve zaslali své přihlášky, čímž značně ulehčí práce vyžadující mnoho času. Kongres bude pořádán ve dnech **24.**—**31. srpna**. Přes mnohé nepříznivé okolnosti (nedostatek času) ujišťuje výbor, že se vynasnaží, aby všichni hosté nalezli vedle obvyklého programu pracovního i dostatek zábav. Projektují se: národní slavnost, koncerty, osvětlení města, vycházka na vrch Gurten, jednodenní výlet do bernských hor, kostumní ples, divadelní představení esperantské a j. Zvláštní výlety polodenní i celodenní (za účasti nejvýše 50 osob) uspořádá výbor pro otužilejší turisty, kteří chtějí vystoupiti na vrcholy alpských velikánů. Nový průvodce „Gvidlibro tra Bern kaj la Alpoj“ vyjde v nejbližší době. O ubytování hostí pečuje zvláštní sekce výboru, která zaznamenala již přihlášky tisíce bytů soukromých; ceny jsou rozděleny na čtyři třídy, a to za týden I. tř. 55 K (se snídaní), 82 K (se stravou), II. tř. 40 K, 67 K; III. tř. 29 K, 48 K; IV. tř. 24 K, 40 K. Kdo se zdrží v Bernu méně než sedm dní, obdrží přeplatek u pokladny sjezdu. Cena legitimace 15 K (pro členy rodiny po 7 K). Účastníci sjezdu mají právo súčastniti se schůzí U. E. A. a dostanou officielní dokumenty kongresní i tiskopisy U. E. A. zdarma. — Ve Švýcarsku lze zakoupiti předplatní lístek platný 15 dní pro všechny hlavní trati za cenu 45 Fr. III. tř., 65 Fr. II. tř. Po kongresu podniknou hosté několikadenní výlet do Luzernu, Interlak, Zürichu, na Rigi atd. Členy přípravného výboru sjezdu zvoleni: J. Schmidt. R. de Saussure, Ed. Stettler, Dr. Th. Christen a Charlotte Pulvers. Adresa dopisů: „Komitato de la Esperanto-Kongreso“ en Bern. Peněžní zásilky adresujte pouze: „Kantonalbank von Bern“.

* *

**Cesta prof. Pitlika** získává ve všech městech zasloužený zájem jak mezi Esperantisty tak i v nejširší veřejnosti. Podle posledních zpráv přednášel v těchto městech:

15. V **Lyoně**, 17. II. 1913 v „Paláci obchodu“. Přednášku uspořádalo lyonské sdružení „Esperanto-Hejmo“ za předsednictví Turing-klubu a místního klubu esperantského, jehož předseda univ. prof. Cohendy zahájil přednášku navštívenou 400 posluchači, vysvětliv její účel a význam Esperanta pro služby mezinárodní. Neopomenul zmíniti se vřelými slovy o stycích česko-francouzských, které také panu přednášejícímu připomenula deputace francouzských gymnastů, vedených p. D. Koenigem. Univ. profesoři Cohendy a Soulier a p. Waldmann předsedali schůzi. Přednáška byla překládána delegátem U. E. A. p. Poncetem, který loňského roku vedl karavanu francouzských kongresistů Prahou. Jak nám sděluje, měla přednáška neočekávaný úspěch: jednak byla jí dána poprvé příležitost lyonským Čechům, aby se seznámili (výsledkem toho bude nepochybně založení spolku přátel styků česko-francouzských, který bude definitivně ustaven tyto dny při návštěvě prof. Hanticha z Prahy), jednak získalo Esperanto celou řadu nových stoupenců, kteří se již zapsali do kursů právě zahájených. O přednášce referovaly podrobně místní časopisy: Lyon Républicain, Progrès, Salut Public, Depêche, Lyon Universitaire.

16. **Villeneuve sur Lot**, 20. II. Účast 200 osob. Překládal továrník p. Gasc. Týž překládal v Bordeax.

17. **Bordeaux**, 21. II. Přednášku uspořádal spolek „Société de géographie commerciale" ve velkém amfiteatru Athenea, který byl 800 účastníky přeplněn. Mnozí, stejně jako v Lyoně, nedostali již vstupenek. O významu Esperanta a o cílech českého národa promluvil univ. prof. Dr. Armaignac, předseda jmenované korporace.

18. **Barcelona**, 25. II. V aule „Ateneo enciclopédico popular" za účasti 200 posluchačů, k nimž promluvil předseda esp. spolku „La Semo" p. Dalman, přednášel prof. Pitlík esperantsky bez překladu. Turistický svaz katalánský jmenoval p. profesora dopisujícím členem.

19. **Teruel**, 1. III. Překládal p. Belenguer. 300 posluchačů.

20. **Valencie**, 2. III. Překládal p. Dr. Musfiels. 150 posluchačů.

21. **Terrasa**, 4. III. Přednáška opět bez překladu za účasti 200 osob. Obchodní dům Casanovas je pravou výstavou českých fotografií a pohlednic, zejména od přečetných dopisovatelů z Č. Kostelce.

22., 23., 24. **Sanpierdarena** 10. III., **Janov** 11. III., **Voltri** 12. III.; v těchto městech pořádala „Universita popolare Genovese" tři přednášky, v nichž překládal do italštiny Dr. Stromboli. Účast 300 osob, 700 osob a 200 osob.

*

**Ve Štýrském Hradci** bude se konati ve dnech 10.—13. května t. r. „**Aŭstria Esperanto-Tago**", na jehož programu vedle společných schůzí o otázkách všeobecné propagandy jsou také projektovány schůze odborné, jako na př. učitelů, kteří mají rokovati o způsobu, jak docíliti zavedení Esperanta do škol. — Legitimace sjezdová 4 K (pro členy rodiny 2 K). Jízdné z Prahy rychlíkem III. tř. K 26·20. — K poznámce v posledním čísle „German-Aŭstria Esperantisto", že prý Čechové dosud neodpověděli na pozvání pořadatelstva, podotýkáme, že Ústřední Svaz B. U. E. zaslal přípravnému výboru doporučený dopis, který byl také otištěn již v posledním čísle „Č. Č. E." 1912, na který však doposud nedošla odpověď.

**El Skotlando.** Granda triumfo por Esperanto okazis en Edinburgo dum vizito al la urbo de Abdul Baha, la persa reformisto kaj mistikulo kaj la ĉefo de la Baha'a movado. Tiu movado celas la unuigon de la homaro, kaj inter aliaj aferoj ĝi propagandas ĉesigon de la milito kaj la kreon de internacia lingvo. Pli ol du milionoj da Baha'anoj troviĝas en Persujo, kaj multaj ankaŭ loĝas en Hindujo, Burmo, Rusujo, Turkestano, Turkujo, Sirio, Egiptujo kaj en aliaj orientaj landoj. Pro la simileco de celoj kun tiuj de Esperanto, la Edinburga Esperanto-Societo kaptis la okazon aranĝi kunvenon por akcepti Abdul Baha. Tiu kunveno okazis la 7an de januaro; ĉeestis 800 personoj, pleje kleruloj. Abdul Baha, kiu estis vestita per orientaj roboj, parolis en persa lingvo kaj s-o Mirza Ahmed Sohrab tradukis anglen. Abdul Baha parolis tute pri internacia lingvo kaj fine diris: „Ni danku la Sinjoron pro tio, ke tiu ĉi lingvo Esperanto estas kreita. Ni do ordonis al ĉiuj Baha'anoj en la Oriento, studadi tiun ĉi lingvon tre zorge, kaj post ne longe ĝi disvastiĝos tra la tuta Oriento."

Tiu grava eldiro havos grandan influon je la Baha'anoj kaj sendube ĝi solvos unu el la problemoj de propagandado inter la Orientanoj, ĉar ili jam disvastigos Esperanton kun la fervoro de religiuloj. Abdul Baha mendis provizon da esperantaj libroj por la Oriento kaj espereble tre baldaŭ multe da Esperantistoj tie troviĝos.

*Al nia kara samklubano s-o ĉefleŭtenanto Hollegcha!*

*Vi adiaŭis nin en la lasta n-ro de tiu ĉi gazeto. La sorto elŝiris Vin el nia rondo, sed rememoro je Vi vivas en koroj de ĉiuj anoj de nia klubo.*

*Krom nia estimata, de ni ĉiuj el la tuta animo amata prezidanto, faka instruisto s-ro Svačina, kies meritojn, kiel Vi prave skribis, indotrovas eĉ personoj direktodonaj, plej unue al Vi ni devas danki por prosperigo de nia klubo. De la unua tago, kiam Vi aniĝis, Vi laboris senlace, ĝojante nur je tio, kiam Vi vidis kreski kaj fortiĝi nian klubon. Via agado, Via penado estis por ni ĉiuj bela ekzemplo. Se kelkaj el nia vico laŭeble dediĉas siajn fortojn al la klubaferoj, kiel Vi citis en Via letero, estas tio nur merito de nia kara prezidanto kaj la Via, ĉar Vi ambaŭ instruis nin kompreni nian sanktan aferon kaj labori por unu bela, komuna celo. Ni dankas al Vi kore por Viaj klopodoj, por Viaj ĉiama intereso pri nia klubo kaj sincera amikeco.*

*Adiaŭante Vin ni deziras al Vi multe da feliĉo kaj esperante, ke ni baldaŭ povos glorigi Vian revenon en nian rondon,*

*ni ripetas la Vian — „Je revido!"*

*Esperantista Klubo en Č. Budějovice.*

**PRESA ESPERANTISTA SOCIETO 33, rue Lacépède, PARIS.**

La plej malnova el ĉiuj esperantaj gazetoj (fondita en 1895).
**La plej enhavoriĉa!** **La plej malnova!**

# Lingvo Internacia.

Centra organo de la Esper. Ĉefredaktoro **Th. Cart.** Aperas regule ĉiumonate: 48 pĝ. da plej bona teksto! Jara abono 5 fr. (2 Sm.) Specimena numero por unu respondkupono.

# Juna Esperantisto.

Monata Gazeto Beletristika por Junuloj, Instruistoj kaj Esper.-Lernantoj. Ĉefredaktoro **P. de Lengyel.** Jara abono 3 fr. (1 Sm. 200). Specimena num. por unu respondkupono.

**Lingvo Internacia** kaj **Juna Esperantisto** kune j. ab. 7 fr. (2 Sm. 800).

---

**OFICIALA GAZETO ESPERANTISTA** organo de la Lingva Kongresa kaj Administra Komitatoj. Jare 5 K. Red. adm. **Paris, 51. rue de Clichy.**

---



# LA REVUO



**Plej grava gazeto!** **Nur esperanta!**

Ĝi estas la **sola** gazeto esperanta redaktita **kun la konstanta kunlaboro** de **Dr. Zamenhof** kaj kun la helpo de plej bonaj ĉiulandaj esperantistaj verkistoj.

Jara abono: **6 K**; unu numero: **60 hal.**

Ĉe **F. TOPIČ,** Praha I., Ferdinandova třída.



---

Doporučujeme! Žádejte na ukázku!

# NÁRODNÍ OBZOR.

(Praha II., Jungmannova tř.) V každém čísle esperantská rubrika!
Jednotlivá čísla po 8 hal. Předplatné na rok K 5·20.

---



# Kutná Hora.

**Kvar poŝtkartoj kun esperanta teksto:** Katedralo de st. Barbaro. Ŝtona domo. Itala Korto. Ŝtona baseno. Eldonis: **Esperantista Klubo en Kutná Hora.** Prezo afr. po 10 hel. (Oni povas mendi ankaŭ ĉe B. U. E. en Praha.) Ni ne dubas, ke la rimarkinde belaj gotikaj konstruajoj estos admirataj tutmonde.



**KORESPONDANTOJ:** *38. S-o Behor Baruch ĉe s-o David Saban, ***Brousse***, Azia Turkujo (kolektas jurnalojn esp., hisp. anglajn, francajn; sendas interŝanĝe diverslingvajn, kiuj aperas en lia lando; ĉiam resp.). — *39. S-o K. Ĉo, 2-nd technical school, ***Soochow***, Hinujo (dez. kor. kun esp. sciencistoj). — *40. S-o Fr. Röhrig, ***Frankfurt a. M.*** Schlosstr. 6. III. ĉe Rauh (nova adreso!). — *41. S-o Ign. Tůma, ***Hamborn-Neumühl***, Alexstr. 56. Rheinland, Germ. (dez. kor.). — *42. S-o Dominiko Lenger, ***Trieste***, Via Stadion 12. IV. (dez. interŝ. poŝtk. kun samideano el Praha). — *43. S-o Joano Jasenĉak, gimnaziano, ***Kisvarda***, Post-u. 23. II. Szabolcs megye. Hungarujo (dez. kor. kun gimnazianoj). — *44. S-o H. Böbs, ***Lübeck***, Gertrudenstr. 17. Germanujo (kolektas kaj interŝanĝas esper. sigelmarkojn; riceveblaj estas de li propraj markoj kaj la oficialaj de la Nordalbinga Ligo). — *45 S-o Rejmar Rifling, Bekkelaget, ***Kristiania***, Norvegujo (il. k., p. m.). — *46. S-o H. G. Uyama (Japano) c/o Dr. Taylor, Livermore, Cal. U. S. A. (il. k., p. m.). — (*47—55. el Ruslando): S-o Waldemar Koszizin, Siberio, ***Blagowestĉensk*** (petas pri esperantajoj por la granda ekspozicio en Ĥabarovsk 1913. La objektoj estos laŭ deziro resenditaj). — *48. S-o N. K. Romanov, ***Kozlovo***, Tambovskaja str. (kor. per let., poŝtkartoj aŭ il. k.; p. m. interŝanĝe por la malnovaj rusaj). — *49. S-o Georgo Panferov, ***Kronŝtadt***, T. Ekaterinenskaja ul. 1a oficerskij fligel kb. 5. — *50. S-o Eug. Rjazancev, ***Petergov***, Petergovskaja ul. d. 15. — *51. S-o J. Wahtkerl, ***Uusuul***, 28. kb. 11. Jurjew, Lifland (dez. interŝ. let. kun psikologistoj pri magnetismo, telepatio ktp.). — *52. S-o Konst. Pavloviĉ Ejov, ***Golutvin***, st. Moskevsko-Kazansk. žel. dor. (P. M., il. k., interŝ. papiliojn. plantojn kaj mineralojn por kolektoj). — *53. S-o P. J. Moskalev, ***Petropavlovsk***. Akm. obl. Realnoe uĉilišĉe (il. k., p. m.: ĉiam tuj resp.) — *54. S-o G. Demidjuk, ***Moskva***, Novoslobodskaja. Tihvinskij 15. 7. (Il. k., tuj resp.) — *55. S-oj V. Bazileviĉ. S. Vajnbaum, J. Dibold, en ***Kamenec-Pod.*** Mujskaja gimnazia. (il. p. m., il. k.). — *56. S-o V. Traĉevskij, B. Podvalnaja 25. ***Kiev*** (dez. trovi per helpo de Esp. korespondantojn por rusa gazeto „Sporto kaj ludoj“. La plej valoraj sciigoj rekompencotaj! Petu detalajn informojn).



Eldonanto: **Ed. Kühnl.**

Presejo de Národní tiskárna a nakladatelství spol. s r. o. v Praze.